# Etnismo



N-RO 22 INFORMILO PRI ETNAJ PROBLEMOJ 10.10.79




## UNU EL LA ETNOJ DE LA GALEGIO IBERA DUONINSULO

Konfesite: Inter la ne malmultaj artikoloj aperintaj en tiu ĉi informilo pri kunvivado de diversaj etnoj en Hispanio ni malatentis preskaŭ komplete Galegion. Tio okazis ne pro neglekto aŭ eĉ malestimo, neniel. Simple ni neniam trovis kompetentajn kunlaboremulojn. Feliĉe ni povas ĉi-numere prezenti al vi resumon de la libreto "Galego onte, galego hoxe" ("Galega /lingvo/ hieraŭ, galega ho-

Eduardo PONDAL:

Non cantes tan tristemente

Non cantes tan tristemente,
probe e desolada nai;
non lle cantes cantos
brandos
pra adormecer ó rapaz,
onde está a cova do sono
no céltico carballal;
cántalle cantos ousados
que esforzado o peito fan;
cántalle o que xa cantara
o nobre bardo Gundar:

! a luz virá para a
caduca Iberia
dos fillos de Breogán!



diaŭ"), kiu publikigas la inaŭguran paroladon faritan de d-ro Konstanteno García, katedra profesoro pri latinida lingvistiko, okaze de la solena malfermo de la akademia kurso 1977/78 en la universitato de Santiago de Compostela. La resumon, adapton por pli ĝenerala publiko kaj tradukon prizorgis Antono Alonso Núñez (FD de UEA en Santiago de Compostela). La aŭtoro eksplicite aprobis la resumon kaj permesis la publikigon en tiu ĉi informilo.

Ni opinias necese "ornami" la pritraktadon de la lingva situacio en Galegio per kelkaj informoj, komentoj kaj bildoj por ke niaj legantoj akiru jam pli klaran imagon pri tiu problemoza, "forgesita" regiono de Hispanio.

* * * * * *

Jen la traduko, farita de Alonso Núñez, de la poemo de Pondal el p. 1:

Ne kantu tiel triste, / povra kaj senkonsola patrino; / ne kantu molajn kantojn / por endormigi la knabon, / kie troviĝas la dormokavo / en la kelta kverkaro; / kantu al li kantojn maltimajn / kiuj kuraĝa la bruston igas; / kantu al li tion kion jam kantis / la nobla bardo Gondaro: / la lumo venos por la kaduka Iberio / el la idaro de Breogano! /Tio ĉi estas la mita nomo de la galegoj./

La galegan poemo-tekston ni ĉerpis el: Eduardo Pondal, "Queixumes dos pinos e outros poemas", Edicions Castrelos, Vigo, 2-a eldono, 1972, p. 92 - 93. /"Queixumes" - susuroj/ - La portreton de Pondal (1835 - 1917) ni pruntis el: F. Fernández del Riego, "Historia da literatura galega", Editorial Galaxia, Vigo, 2-a eldono, 1971, post paĝo 96.

---

## EKONOMIAJ CIRKONSTANCOJ




La fakto ke galegaj laboristoj abundegas en la industriaj centroj de Francio, FRG ktp. kaj ke multegaj galegoj elmigris al Ameriko ne ŝuldiĝas al eventuala malŝato ilia koncerne ilian regionon. Tute ne! Galegio estas favorata fare de la naturo: Ĝi havas mildan klimaton kaj verdan, varian pejzaĝon, kaj la homoj trovas manĝaĵon en la tero kaj la maro, sed ..... Galegio situas ne ŝpare el la vidpunkto de profitema industrio!

(Daŭrigo en paĝo 13.)

---

La nombroj de enloĝantoj koncernas la jaron 1976. Kompare: Tuta Hispanio havis tiam 36.973.150 enloĝantojn sur 504.750 km², t.e. 73 en 1 km².

*Konstanteno García*



# HIERAŬO KAJ NUNO DE LA GALEGA LINGVO

La galega estas la plej okcidenta lingvo de Romanio. Malgraŭ ĝia glora pasinteco, ĝi estas la plej forgesita de kleruloj, kaj ĝi estis tenata en ostracismo longe de kulturitaj homoj. Tiu ĉi lingvo renaskiĝis kun novaj impulsoj kaj postulas sian postenon inter la kulturlingvoj.

Ni komencu nian studaĵon per kelkaj historiaj faktoj pri la estiĝo de tiu lingvo:

Oni ne certe scias kiuj estis la popoloj loĝintaj en la okcidenta parto de la ibera duoninsulo antaŭ la romia tempo, kaj same okazas pri iliaj lingvoj. La diversaj aŭtoroj miksas malsamajn hipotezojn, kies vereco estas kelkfoje sufiĉe dubinda: La indiĝena bazo konsistus el popoloj de la kapsia kulturo (afrikdevena, de la mezolitiko, atinginta nordan Francion forme de la "tardenŭaza kulturo"), al kiu aldoniĝus ebla mediteranea substrato; la iberoj aperus ankaŭ en nia nordokcidenta angulo, ktp.

Estas pruvite ke nia regiono estis loĝata de popolo de ligura deveno kies lingvo lasis kelkajn spurojn en sufiksoj (toponimiaj k.s.). Komence de la 8-a jarcento antaŭ Kristo (a.K.), kaj tra la Pireneoj, atingis nin la unuaj keltaj tavoloj, hindeŭropa popolo kiu refoje venis pli grandkvante du jarcentojn poste.

La solaj konkretaj sciigoj estas donitaj al ni fare de la grek-latinaj historiistoj, kiuj priskribas la loĝantojn de la duoninsula nordo kiel primitivajn homojn kiuj dormis sur la planko kaj sin nutris ĉefe per glanoj kaj buterkuirita ŝafa viando, vivantajn en senĉesaj intertribaj luktoj, kaj kies virinoj okupiĝis pri la laboroj hejmaj kaj agraj.

La romianoj eniris Hispanion dum la 3-a jarcento a.K., sed ne sukcesis konkeri ties nordan parton ĝis la 1-a jarcento post Kristo (p.K.), kiam la ceteraj partoj de la duoninsulo jam estis amplekse romaniigitaj. Tamen, la romaniigo de Ga egio estis intensa kaj rapida, faciligite de la admirinda vojoreto.

La "kastro"-kulturo tuj malaperis, anstataŭite de la romia vivmaniero: La indiĝenoj forlasadis siajn "kastrojn", t.e. vilâgojn, kiuj situis sur pli-malpli izolitaj montoj kaj estis ofte eĉ tre efike remparitaj, kaj ili grupiĝis apud la ŝoseoj, adaptante sin al la politikaj kaj administraj kutimoj romiaj; la konstantaj intertribaj luktoj ĉesis; oni enkondukis gravajn novaĵojn en agrikulturon kaj en aliajn teknikojn kaj industrion (ekz. la kaŝtanarbon, la plugilon, minadon ktp.); oni ricevadis la influon kaj de komerco kiu trakuris la tutan konatan mondon kaj de la legia militista vivo (kiu estis grava kaŭzo por en- kaj elmigradoj), ktp.

Tia intensa romaniigo invadis ankaŭ la lingvan terenon; la latina iĝis ĉies parolrimedo, kaj la indiĝenaj lingvoj grade formortis.




Reveno al sia identeco

La kristanismo estis la lasta ero kiu rolis interne de la romia imperio. Tamen, pri ĝi ni scias nenion ĝis la mezo de la 3-a jarcento, tempo kiam Hispanio profunde kristaniĝis el-de sudaj urboj.

Tiel la suevoj, ĝermana popolo kiu venis ĉi tien komence de la 5-a jarcento kaj kiu estis baldaŭ forpuŝita fare de la hegemoniaj visigotoj, kiel la araboj, enirintaj Hispanion dum la 8-a jarcento, ne havis rektan nek senteblan efikon sur la ĉi-regionan lingvon. Tamen, la izoligoj kaj dividoj kaŭzitaj de la novaj superuloj grave kunefikis al la varioj spertitaj de la latina lingvo. Tiuj varioj grupiĝas en du familioj: La unua konsistas el la varioj galega, asturia-leona, kastilia kaj mozaraba; la duan formas la varioj navara-aragona kaj kataluna. La unua familio devenas el la latina uzita en la romia sudhispana provinco Betiko; la dua, el la latina parolita norde, trans la Pireneoj. La betika latina estis pli klera, literatura kaj konservema ol la norda, kiu estis pli dinamika, kun renovigaj fluoj gaŭl- kaj ital-latinaj.

La vortoj "Galegio, galega" venas de "Gallaecia", kiu estis la latina nomo por la nordokcidenta provinco de la duoninsulo. Tie ĉi formiĝis, do, unu lingvo kiu devenas de la latina kaj kiu ampleksis - kaj parte pluampleksas - terenon pli grandan ol tiu kiu nun formas la hispanan administran regionon Galegio. Oriente ĝi kovris la okcidentan parton de la nunaj regionoj Asturio kaj Leonio; sude ĝi atingis la riveron Duero en Portugalio (eble eĉ pli suden).

Ni konstatas, resume, ke en la 10-a jarcento la nova popola lingvo estis jam formita, klare malsama al siaj fratoj, ĉiuj filoj de la latina. En la galega idiomo aperis preskaŭ neniu spuro de la praaj aŭ postaj lingvoj. (Ne estas temo de tiu ĉi studaĵo trakti la staton de la latina dum tiu ĉi procezo de formado de novaj lingvoj kaj dum postaj jarcentoj. Sufiĉu diri ke, kiel okazis en ĉiuj partoj de Romanio, la latina pli-malpli deformita plue estis uzata en difinitaj tavoloj kulturaj, politikaj, religiaj, dokumentaj, ktp.)

Post tiu skizo pri la estiĝo de la galega lingvo, ni same rapide parolu pri ties malvolviĝo ĝis niaj tagoj:

Komence de la 9-a jarcento oni malkovris en Galegio antikvan tombon kiu supoze enhavis la relikvan korpon de la apostolo Jakobo la Maĵora, predikinta kristanismon en la duoninsulo. Tio kaŭzis grandajn pilgrimajn fluadojn, kiuj estis plifortigitaj kaj sistemigitaj ekde la 11-a jarcento far la influaj francaj klunizaj monaĥoj, kio alportis de trans la Pireneoj plej gravajn kulturajn, politikajn kaj ekonomiajn efikojn al la tiam kristana parto de Hispanio. La urbo Santiago de Compostela kreskis ĉirkaŭ la apostola tombo kaj pluestas la religia kaj universitata centro de nia regiono. (Etimologio: Sanctum Iacobum - Sant Yago - Santiago.)

Koincide kun la propraj tradicioj, karakteroj kaj jamaj literaturoj (eĉ se ne aŭ ne ĉiam skribitaj), Kastilio kaj Galegio ĉefe akceptis malsamajn erojn de la transpirenea influo. Kastilio pleje atentis la nordfrancan epopeon, kaj Galegio, la provencan lirikon. Ne per simpla imito, sed per ekspluatado de la propraj ecoj sub la nova influo, ambaŭ kulturoj komencis sian floradon.

Tiel ŝprucis la glora epoko de tiu t.n. "galega-portugala skolo" - esprimo kiu, se ne tro perfekte, tamen klare montras al unu sola, unika realo. Tiu ĉi skolo atingis sian kulminon dum la 13-a jarcento kaj la unua duono de la 14-a. Direndas ke temis ne nur pri kreado de grandega poetika korpuso far impona aŭtor-nomaro, sed pri ekzisto de tio kion ni hodiaŭ konas sub la nomo de normaligita lingvo: Tiu poezia kreado estis nur la plej elstara frukto de lingvo, kiu ĝis la fino de la 14-a jarcento estis la parolrimedo de kleraj kaj de malkleraj homoj, de potenculoj kaj de humiluloj, de burĝoj kaj de kamparanoj, samnivele por ĉiuj. Tiu tiam parolata lingvo estas la sama kiu aperadis en la dokumentoj kaj en

la lirikaj aŭ didaktikaj-prozaj verkoj. - Survoje al tia kulmino enmiksiĝis nova procezo, kiu ne tuj, sed post jarcentoj iĝos la unua el la du ĉefaj stagnokaŭzoj de la galega lingvo: Inter la fino de la 11-a kaj la mezo de la 12-a jarcento estiĝis la portugala nacio surbaze de la t.n. "portugala grafejo" (inter la riveroj Miño, la nuna suda limo de Galegio, kaj Mondego) per ties sendependiĝo disde la galega-leona-kastilia krono. La nova portugala reĝlando, same kiel la aliaj kristanaj reĝejoj, pluigis siajn luktojn kontraŭ la araboj. Dum Portugalio daŭre plivastiĝis suden (Lisbono ekrolis kiel ĉefurbo de la regno jam antaŭ la fino de la 13-a jarcento), Galegio restis izolita en la nordokcidenta angulo de la lando, politike ligita al la regnoj de Leono kaj Kastilio, kiuj estis pli dinamikaj kaj havis antaŭ si faktajn eblecojn plivastiĝi. Krome, la sudaj galegoj, t.e. la loĝantoj de la portugala grafejo, grade eksgalegigis sian idiomon pro adaptiĝo al la mozaraba lingva medio de la centro kaj sudo de la nuna Portugalio, kiun ili konkeradis (aŭ, se oni volas tiel diri, la mozaraboj lingve absorbis la sudajn galegojn). Tiuj ĉi adaptiĝoj ne transpasis norden la Miño-limon, fakte ili eĉ ne invadis nordan Portugalion - aparte de la malplimultoj kleriĝitaj en la oficiala portugala lingvo. Eĉ plie: Pluraj fenomenoj okazintaj en la galega lingvo ekde la 14-a jarcento siavice ne transpasis suden la saman limon.



Rosalía de CASTRO
(1837 - 1885)

La plej okcidenta lingvo latinida tiel dividiĝis en du malsamajn idiomojn. Sen adekvataj studoj, nuna galego povas interkompreniĝi sufiĉe malbone kun pure norda portugalo, sed preskaŭ tute ne kun lisbonano, kaj eĉ povas okazi ke li pli facile komprenas brazilanon ol sudan portugalon! (Krome, direndas ke portugaloj ĝenerale ne ŝatas esti alparolataj galege, ĉar ili sentas la galegan lingvon maldelikata kaj primitiva karikaturo de la portugala, sed..... similan opinion pri malbeleco ĝenerale havas galegoj rilate la portugalan!) La du branĉoj de tiu komence sola idiomo, kiu de la 10-a ĝis la 14-a jarcento estis la sama ambaŭflanke de la Miño, sekvis ekde tiam tute malsamajn vojojn: La portugala lingvo, kiu evoluadis kaj apartiĝadis disde la komenca lingvo paralele al la tutmonda ekspansio politika, kultura kaj ekonomia de la popolo kiu ĝin parolis, ĵetis en forgeson, ekde la 16-a jarcento, la galegan lingvon, kiu dume reduktiĝis al idiomo de unu popolo ankrita en sia pasinteco kaj kun la rigardo fiksita al la kastilia regno aŭ, poste, al la madrida kortego. Tiel la galega iĝis nura rimedo por ordinaraj komunikbezonoj de homoj kiuj havis kroman lingvon, la kastilian, por la funkcioj de lingvo klera, notaria, eklezia ktp. Tio ĉi estas la dua el la ĉefaj stagnokaŭzoj de la galega lingvo.

Jen pliaj eroj de la rilatoj inter la galega kaj la kastilia lingvoj:

La liriko de la galega-portugala skolo estis kulturata ne nur de siaj propraj parolantoj (Marteno Códax, reĝo Denizo de Portugalio /1279 - 1325/ ktp.), sed ankaŭ de la kastiliaj poetoj, kiuj ĝenerale uzadis la galegan por siaj lirikaj elverŝiĝoj, dum ili gardis la kastilian por la rakontaj kaj didaktikaj verso kaj prozo. La plej elstara ekzemplo de tia sinteno estas la kastilia reĝo Alfonso la 10-a, la Saĝulo (1252 - 1284), onklo de reĝo Denizo.

Ĉirkaŭ la mezo de la 14-a jarcento regresadis la pilgrimoj al Santiago, dum Kastilio daŭre pligraviĝis pro sia ekspansio tra la mezo kaj sudo en la duoninsulo. Ĉio ĉi kaj aliaj kaŭzoj portis al dekadenco la galegajn trobadorojn, kiujn ekanstataŭis kastiliaj. Paradokse, dum unu plia jarcen-

to (dua duono de la 14-a kaj unua duono de la 15-a) la galega estis uzata ĝenerale nur de kastilianoj kaj ne plu de galegoj, por siaj satiroj, debatoj, didaktikaĵoj ktp. alterne kun sia propra lingvo, kio naskis la "galega-kastilian skolon".

La centraliza agado de Kastilio, impulsata de la Katolikaj Gereĝoj, sentiĝis en Galegio jam fine de la 15-a jarcento. Fremdaj homoj estis nomataj por la publikaj postenoj; ili parolis la kortegan lingvon kaj tute ne okupiĝis pri la galega. Sekve, la tuta oficiala dokumentaro estis redaktata kastilie, kaj la galega lingvo iĝis duagrada, apartigita de la potencaj instancoj, de la civilaj, militistaj kaj religiaj funkciuloj. Ni atentu, tamen, ke escepte de la reganta kaj alta klasoj, de la verkistoj, de tiuj kiuj celis politikan karieron ktp., kiuj ĉiuj tuj lingve kastiliiĝis, la aliaj sociaj klasoj pluparolis galege: kamparanoj, maristoj, metiistoj, komercistoj ktp., kiuj malvolvis sian agadon en tiu sama lingvo en kiu ili tion estis farintaj dum la mezepoko, tiel ke malgraŭ sia kontakto kun la kastilia lingvo, la galega preskaŭ ne estis influita de ĝi. La galega popolo transformiĝis, do, en d i g l o s a n (*) socion, en kiu la kastilia rolas kiel A-lingvo kaj la galega reduktiĝis al B-statuso, ekskluzive rezervita por la vulgara komunikado.

Fine de la 18-a jarcento aperis novaj cirkonstancoj, kiuj, tamen, ne plibonigis la staton de la galega lingvo. La soci-ekonomiaj movadoj de tiu epoko influis ankaŭ en Galegio. Unuflanke, la klerisma absolutismo celis disvastigon de kulturo per lerneja sistemo kiu dekomence malvolviĝis en la kortega lingvo. Aliflanke, alvenis tavoloj de enmigrantoj, ĉefe leonanoj kaj katalunoj, kiuj uzis la kastilian lingvon en siaj industriigaj kaj komercaj aktivecoj.

Tra la du jarcentoj kiuj pasis de tiam ĝis nun, la galegoj prenis kaj pluprenas kontakton kun la modernaj kulturo kaj civilizacio ĝenerale nur per la kastilia lingvo; per ĝi okazas la socia supreniĝo, la triumfo en kiu ajn metio aŭ kariero, kaj en tiu lingvo estas verkitaj ĉiuj klerigaj aŭ studolibroj, la teatraĵoj kiujn galegoj ĉeestas, la paroladoj kaj prelegoj kiujn ili aŭskultas, kaj same okazas en la ĵurnaloj, la kino, la radio, la televido ..... Anstataŭ akcepti la progreson kaj traduki ĝin al sia propra esprimrimedo, la galego "tradukas" sin mem al la lingva perilo per kiu lin atingas tiu progreso. Tiu ĉi procezo instaliĝi en fremda lingvo estis sufiĉe facile plenumita de la altklasaj loĝantoj de urboj kaj urbetoj, sed ne same sukcesis en vilaĝoj kaj lokoj, kies anoj havis pli malaltan socian kaj ekonomian nivelon. Temis, ĝenerale, pri procezo ligita al la persona socia statuso kaj bonhavo.

En tia malperfekta dulingveco, en kiu la kastilia lingvo grade ekvenkis la sendefendan regionan idiomon, ŝprucas lingvaj interferoj, de kiuj ni jen priparolas kelkajn trajtojn:

Kiam galego parolas kastilie, oni ĝenerale konstatas melodio-kurbon tipe galegan, forte malsaman al la kastilia: La fonetika portilo estas la galega, ne la kastilia; ĉefe, estas uzata la pli komplika galega vokalsistemo, kun sonoj apertaj kaj fermitaj. Oni retrovas sufiĉe grandan kvanton da morfologiaj, sintaksaj kaj leksikaj trajtoj de la galega lingvo. (Ekzistas eĉ speciala malestima nomo por la sufiĉe ofte aŭdata misa kaj aĉa kastilia lingvo: "castrapo".)

La nuna galega lingvo estas preskaŭ ne influata, sur la fonetika-fonologia nivelo, de la kastilia, kaj influo nur iomete rimarkeblas sur la morfo-sintaksa nivelo. Sed la kastilia influo estas spektakla sur la leksika tereno. Ties malpli malbona parto estas la enkonduko de kastiliaj vortoj

---

(*) Dum "dulingva" indikas ĝenerale samgradan regadon de du lingvoj kaj ties samnivelan, samcelan uzadon, "diglosa" esprimas ke la A-lingvo ĝuas pli da prestiĝo, estas pli bone konata kaj estas uzata por la oficialaj celoj, dum la B-lingvo estas hejma, privata lingvo.




Jen postuloj de galegaj instruistoj (de dekstre): "Ne al la devigaj translokigoj de instruistoj", "Neniu instruisto sen laboro kaj neniu infano sen lernejo" (ambaŭ en galega lingvo), "Ĉiu instruisto en sia lando" (en la kastilia).

por signi la novajn konceptojn kaj aĵojn de la moderna civilizacio, sed estas tre grava malbono la pluraj centoj da kastiliismoj kiuj nenecese anstataŭas jam ekzistantajn kaj samsignifajn galegajn vortojn.

La alveno de romantikismo, kun ties aprezado de la specifaĵoj de ĉiu popolo, enkondukis novan sintenon. Same kiel en Provenco, Katalunio kaj en aliaj lokoj, kvankam iom pli malfrue (ĉirkaŭ 1845), en nia regiono ekĝermis poezia kulturado de la propra lingvo. La unuaj Floraj Ludoj (1861) fiksis gravan daton de nia lingva Renaskiĝo (renesanco; la galega vorto nun uzata estas "Rexurdimento", t.e. "reapero, reŝpruco"). Ni atentu, tamen, ke tio kio por ni estas RE-naskiĝo, por la tiamaj protagonistoj estis nasko aŭ levo de la galega lingvo al literatura digno, ĉar ĉe ni la situacio estis eĉ pli malbona ol, ekzemple, en Katalunio: Ne nur nenia modernatempa galega verko ekzistis, sed eĉ la mezepoka lirika tradicio estis tute forgesita, nekonata, kaj nur plurajn jarojn poste oni malkovros la "Cancioneiros" kiuj gardis la antikvan trezoron. Ni aldonu ke temis komence pri romantikisma sinteno: La poetoj verkis galege siajn emociajn literaturaĵojn kaj ..... pluskribadis siajn leterojn kastilie!

La decida dato estas la jaro 1863, en kiu Rosalía de Castro, ĝis nun nia plej altranga moderna poezia voĉo, publikigis siajn "Galegajn Kantojn". Kvankam ĝia lingvaĵo estas sufiĉ ŝarĝita de kastiliismoj, ĝia estetika valideco certigis la pluvivon de nia "Rexurdimento", kiun ŝi refirmigis per nova libro, eĉ pli altvalora, "Foliar' Nova" (1880). La kastililingva galega literaturisto kaj profesoro Gonzalo Torrente Ballester diras en sia priskribo de la verkaro de Rosalía de Castro, ke ŝia moderneco ŝuldiĝas al la fakto ke ŝi estis "la sola hispana verkisto de la 19-a jarcento kiu havis realan sperton pri la malbono" dum sia vivo suferplena.

Eduardo Pondal estis la unua kiu, iom poste, okupiĝis pri la lingva purkasteco kaj pliriĉigis sian popolvortaron per latinismoj kaj helenismoj. La tria figuro de tiu baza generacio estas Emanuelo Curros Enríquez, kiu enkondukis en sian poetikon la socian problemaron.

La proza kulturado de la galega lingvo komenciĝis fine de la 19-a jarcento. La defendo de la lingvo eniris paŝon post paŝo la politikajn programojn. En la jaro 1907 oni parolis galege unuafoje en mitingo. La fondo de la t.n. "Lingva Frataro" normaligis la uzadon de la galega en publikaj okazoj.

La faktoj komencas akumuliĝi, kaj eĉ nura skizo pri ili bezonus apartan



Ramón Otero Pedrayo
* 1888

studon. La nomoj de Cabanillas, Castelao, Risco, Otero, Cunqueiro, Ferreiro kaj multaj aliaj sinsekve kaj ĉiam pli intense kaj etende riĉigas nian jarcenton per galegaj verkoj de poezio, teatro, romano, novelo, eseo, filozofio, scienco, infana literaturo, klasika kaj moderna kanto ktp., ĉu libroforme, ĉu parole, ĉu en ĵurnaloj, radio, televido, eĉ iom da kino, atingante nivelojn tre dignajn por kiu ajn alia literaturo de internacia rango.

Inter la jaroj 192o kaj 1936 estis la grupo "Nós" (ni) kaj ilia samnoma revuo, kiuj ĉefe direktis la galegan literaturproduktadon. Inter 1936 kaj 195o estis la "ekstera Galegio", t.e. la galega elmigrintaro, precipe la galega kolonio en Argentino, kiu prenis sur sin tiun taskon. Temis pri la jaroj dum kaj post la intercivitana milito, kiam la "digna", "patriota" kaj ..... deviga sinteno estis paroli la kastilian, "la lingvon de la imperio". Ekde 1951, venkante paŝon post paŝo ĉiujn malfacilaĵojn kaj per laboro pli kaj pli ampleksa, estis la eldonejo "Galaxia" kiu sukcesis reporti al la galega lando la plej gravan parton, eĉ se ne la tuton, de tiu strebado.



Alvaro Cunqueiro
Mora
* 1911

En 1965 estiĝis en la san- tiaga universitato sekcio pri galega-portugala lin- gvistiko, kiu publikigas la revuon "Verba - Anuario Galego de Filoloxia". En tiu ĉi sekcio estas pre- zentita jam granda nombro da doktoraj kaj licenciaj tezoj pri galega lingvis- tiko. Oni verkis librojn por instrui la lingvon; oni tie faras kursojn pri galega lingvo por la ordi- nara publiko kaj aliajn, specialajn, por la unuagra- daj instruistoj. Baldaŭ aperos Infana Galega Leksi- kono, pluraj libroj ade- kvataj al la Baza Ĝenerala Instruado, ktp.

Rilate la politikajn in- stancojn ni devas indiki ĉefe jenajn punktojn:

En la jaro 1936 oni pre- zentis al la hispana parla- mento la Galegan Statuton, en kiu oni agnoskis la kun- oficialecon de la galega kaj de la kastilia en la publika admi- nistracio, kaj oni estis enkon- dukonta la devigan dulin- gvan instruadon en la elementaj lernejoj. Bedaŭrinde, la eksplodo de la intercivitana milito abortigis tion ke unuafoje en la Moderna Epoko la galega estu agnoskita kiel oficiala lingvo, ĉar la parlamento jam ne havis okazon voĉdoni pri la statuto.

Ni devas atendi ĝis la Ĝenerala Leĝo pri Instruado de la jaro 197o por vidi oficiale agnoskita la eblecon uzadi - kvankam en malalta, tute ne plena grado - la regionajn lingvojn.

En la konstitucio aprobita sub la nova reĝimo post la morto de Franko (1975), oni principe agnoskas la eblecon doni aŭtonomecon al la regionoj kun, siakaze, oficiala uzebleco de la respektiva regiona lingvo.



Celso Emilio Ferreiro (1913 - 1979)

Kia estas la nuna socilingvistika situacio? Fakte, tre kompleksa, kvankam, esence, la galega pluestas la B- kaj la kastilia la A-lingvo de tiu ĉi diglosa socio. Aldoniĝas - ne sen kontraŭstaroj - kreskanta strebado levi la galegan al A-statuso por fini la nunan diglosecon, tiel ke la kastilia iĝu la rilatilo kun aliaj hispanaj popoloj. Ĉion ĉi ni klarigos resume. Jen la rezultoj de ĵusaj enketoj:



Alfonso Rodríguez CASTELAO
* 1886 en Rianxo (Lakorunjo)
✝ 195o en Bonaero (Argentino)

- En 3o familioj de santiaga kvartalo kaj de proksima vilaĝo, nur ĉe la vilaĝaj geavoj (pli ol 6o-jaraj) konstateblas galega unulingveco; en ĉiuj aliaj grupoj (gepatroj, 3o- - 5o-jaraj, kaj gefiloj, 5- - 15-jaraj) ekzistas digloseco, kun galega superrego en la vilaĝo kaj kastilia en la urbo. La teoria avantaĝo de la galega kontraŭ la kastilia estas trompa, ĉar atentante la aĝojn ni konstatas ke la kastilia venkas en la gefila generacio.
- 76 % el 6oo dommastrinoj de la provinco Pontevedro uzas la galegan pli ofte ol la kastilian en sia hejma vivo, kaj tiu procentaĵo altiĝas al 81 % por komunikado kun la genajbaroj.
- 62 % el 874 geinstruistoj de la Baza Ĝenerala Instruado en la santiaga zono aktive kaj pasive scipovas la galegan lingvon; 9 % el ili havas sufiĉajn konojn por ĝin instrui; 25 % nur pasive scipovas ĝin; 2 % ĝin ne scipovas.

Kvankam la galega estas parolata de 8o % el la preskaŭ 3 milionoj da loĝantoj en sia teritorio, t.e. en la nuna regiono nomata Galegio plus la okcidentaj partoj de Asturio kaj Leonio, estas fakto ke la nuntempaj galegaj kamparanoj aŭdas pli da oficiala lingvo ol da propra en la amaskomunikiloj kaj en klerigokulturaj okazoj. Tiel ili vidas sian lingvon obstaklo por veni al pli bona vivado kaj eĉ hontas pri sia parolmaniero antaŭ pli altklasaj homoj. El tio rezultas ke plenumiĝo de granda aspiro ilia estus kiel eble plej rapida mastrado de la "supera" lingvo. Sin trudas, do, la konstato ke sen antaŭa kaj grandskala eksplikado kaj propagando gvidantaj al edukiĝo kaj konsciigo estus tre malfacile kaj apenaŭ probable ke ili, metite antaŭ alternativon, decidus por galegalingva lernejo aŭ ke ili montrus estimi sian lingvon kiel perilon por supera kulturo.

Paradokse, ni hodiaŭ havas sociajn grupojn instaliĝintajn en la kastilia lingvo, kiuj ultradefendas la galegan! Kaj politikaj partioj kiuj antaŭ 4o jaroj primokis la galegistojn, nuntempe estas la plej akraj defendantoj de nia lingvo, kiun ili uzas en ĉiuj siaj mitingoj, manifestoj, flugfolioj.

La novaj generacioj de elementaj instruistoj ricevadas instruon pri la galega en siaj studcentroj, tiel ke ili povu instrui kaj eduki la infanojn per ĝi, kvankam la situacio ankoraŭ ne estas normaligita kaj mankas

la necesaj porinfanaj galegalingvaj libroj. En preskaŭ ĉiuj mezgradaj liceoj oni instruas libervolajn lernantojn pri la galega, kaj, kvankam ne sen kontraŭstaroj, oni plurloke galegalingve efektivigas la ordinarajn kursojn kaj eĉ ekzamenojn.

La sama fakto, eĉ pli intense, prezentiĝas en la universitato: Ĉirkaŭ 6o % de la tuta studentaro parolas aŭ klopodas paroli galege, kvankam plejparto el ili devenas el burĝaj familioj ne havantaj la galegan kiel komunparolan lingvon. Eĉ se en tia sinteno kaŝiĝas politika protesto, ne ekzistas dubo ke tio helpas la normaligon de la galega.

Alia ero de tiu procezo estas la entuziasmo de tiuj junaj pastroj kiuj predikas kaj malvolvas sian tutan religian agadon en la galega.

Oni trovas, tamen, ankaŭ aliajn sintenojn: La forlasismo de homoj instaliĝintaj en bona socia statuso, kiuj ne sentas la lingvan problemon, kiuj ne vidas en la galega kian ajn bonon kiun oni konservu; la pluismo de tiuj opiniantoj ke la nuna diglosismo estas konservinda: la galegan por familia kaj ordinara komunikado, por la spritaj ŝercoj ktp., kaj la kastilian por la rilatoj kulturaj, ekonomiaj, sociaj. Eĉ oni trovas tiujn kiuj opinias ke digloseco estas akceptinda, tamen, kun jena ŝanĝo: la galega plugardu la B-statuson, kaj por la A-rolo ni uzu la ..... portugalan lingvon. Tiu ĉi sinteno estas certe tre minoritata kaj aperas nur en grupo da specialistoj pri galega-portugala lingvistiko. Temas pri sufiĉe malnova pensofluo kiu sporade trovas eĥon inter ni. Inter ties varioj ŝajne troviĝas la aspiro al digloseco aŭ la tutsimpla engluto de la galega far la portugala aŭ eĉ reunuiĝo de la galega kaj la norda (ne mozaraba) portugala. Ne estas klare ĉu tiu pensofluo malhavas aŭ ne eksplicitigas la eksterlingvajn sekvojn de tia eventuala decido kaj agado. - Sur la fono jam menciita de diglosa neklerulo kiu indiferentas aŭ nenion komprenas aŭ aspiras al tuja mastrado de la "supera" lingvo kiu lin liberigus de lia "neutila" lingvo, ni konstatas eferveskon ĉe la aliaj sociaj tavoloj:

- La esperoj kaj iluzioj de tiuj kiuj opinias ke nia plurjarcenta lingva problemo baldaŭ troviĝos feliĉe solvita.
- La timoj kaj malkvietoj - eĉ kelkfoja defetismo - de tiuj kiuj vidas malhela nian lingvan estontecon malgraŭ ĉiaj ŝajnoj.
- La kolero de tiuj kiuj timas ke la galega fakte normaliĝos.
- La defendantoj de la nuna kastiliema digloseco (ankaŭ tiuj kiuj vidas nenion malbonan en la ebleco ke la galega mortos pro la kastilia puŝo).
- La malŝato kaj eĉ kolero de tiuj kiuj opinias la portugaleman tezon absurda, artefarita, nenecesa kaj ĉiukaze mortiga por la galega, tute egale, eĉ se alimaniere ol per la kastilia. (Krome, laŭ ili, se oni devus elekti inter la du manieroj morti, ja preferindus per la kastilia lingvo, ĉar estas tio la pli simpla kaj malplikosta, kun malpli da ne kontroleblaj kaj ne dezirataj sekvoj. Laŭ ili, oni ja povas kontraŭstari la historiajn faktojn, sed ne ignori ilin.)
- Tiuj kiuj ne klare vidas ĉu estos profitodona la strebado kaj la elspezoj monaj, tempaj, laboraj, homaj por porti la galegan lingvon al la A-statuso, sed ankaŭ por pliriĉigi ĉiusence la regionan vivon, i.a. ekonomie.
- Tiuj kiuj dubas ĉu la galega povas vere iĝi plene kultura lingvo.
- Tiuj kiuj asertas ke la malo jam estas pruvita per la faktoj.
- Tiuj kiuj opinias ke oni lasu morti la galegan kaj ke oni direktu la menciitajn strebadon kaj elspezojn al ĝenerala klerigo per-kastilia, en kio tre gravas la akiro de fremdaj lingvoj, ĉefe la angla.

Ĉiuj ĉi diroj kaj opinioj provizas plian ekzemplon de situacio jam konata

el aliaj landoj kaj epokoj. Do, nia studaĵo povas plui.

Post tia skiza prezento de la faktaro ni venas al la fina parto: Kiu, kia estu la tasko de nia universitato en la normaliga procezo de la galega lingvo?

Antaŭ ĉio, ni ĝoje konstatas la mirindan preskaŭan unuformecon de la galega lingvo tra nia tuta regiono, se denaske parolata, fakto kiu estas miraklo, se ni konsideras la longajn jarcentojn sen skriba lingvo-kulturado. La distingaj trajtoj inter niaj landopartoj estas kaj malmultaj kaj nefundamentaj, tiel ke la kompreniĝo inter homoj de malsamaj partoj estas fakte kompleta. - La afero prezentiĝas malsama rilate la skribatan lingvon kaj la "novparolantojn". Post la unuaj skribaĵoj de la Renaskiĝo, en kiuj oni klopodis respeguli la popolan lingvan realon, tiel la vortostokon kiel la eliziojn, la fonetikajn asimiliĝojn ktp., ŝprucis la modoj krei kleran lingvon, kiun oni volis kiel eble plej malsama disde la subpremanta kastilia, kio grade apartigis la artefaritan skriban lingvon disde la reala parola. La aŭtoroj ĝenerale ne submetiĝis al ortografiaj kaj morfologiaj normoj. La klopodoj diferenciĝi fronte al la subpremanta lingvo plimalpli konscie forlasigis vortojn komunajn al tiuj du tre parencaj kaj proksimaj lingvoj, kio senigis la galegan de grandega stoko da vortoj kaj nuancoj kiujn oni poste klopodis kaj ankoraŭ klopodas anstataŭigi per elpensaĵoj, deformigoj, arkaismoj, luzismoj (portugalismoj), vulgarismoj, memvola enkonduko de supozataj fonetikaj leĝoj ktp., tiel sinkante en tion kion Gartner nomis "ultra-alieneco". Ĉio ĉi tamen ne malhelpis la aperon de kastiliismoj kaj interferoj. Tiaj hipertipismoj, falsaj evoluoj kaj misfaroj originas el komplekso pri malsupereco kiun ni devas venki.

La galega lingvo troviĝas, do, antaŭ problemo kiun ni devas urĝe solvi laŭ maniero adekvata al ĝia propra spirito. Kaj tio ne estos taŭge farebla, se ni ne lasos la solvon en la manoj de la specialistoj, ĉar kvankam la lingvo estas ja ĉies apartenaĵo, ties planado kaj plibonigo devas esti farataj de tiuj kiuj havas kaj la rimedojn kaj la metodon tiucelajn kaj kiuj ĉi-rilate malhavas antaŭjuĝojn kaj kompleksojn. La historio de la lingva planado - tiel por etnaj lingvoj kiel por interlingvoj - klare pruvas ke la lingvaj specialistoj estas tiuj kiuj kapablas korekte solvi tiajn problemojn per planado de lingvo kiu prezentu jenajn ecojn: efikivo, ekonomio, fideleco al sia spirito, klareco, estetikeco. Feliĉe, en nia universitato ni disponas tiajn specialistojn.

Ni esperu ke en baldaŭa tempo ni vidos la oficialan galegan lingvon por ĝia uzado en la administracio kaj en la instruado kaj en ĉiuj niveloj de la kultura vivo.

* * * * * * * * * * *





"MIAJ KUNULOJ", serio de krajondesegnaĵoj pri blinduloj, faritaj de Castelao en Bonaero.





*Alfonso R. Castelao*

# la portreto

Por trankviligi mian konsciencon mi ĵetis mian kuracistan titolon en la fundon de tirkesto kaj elserĉis alian rimedon por vivteni min. La homoj jam de longe ne sciis ke mi estis mastro de tiom timinda oficiala licenco; kaj, tamen, iunokte oni petis pri miaj servoj.

Estis dimanĉo. Melkioro, la drinkejmastro, min atendis ĉe mia pordo. Li diris "Bonan nokton" kaj ekploris, kaj tra la singultoj liaj vortoj eliris tiel dispremite, ke li nur sukcesis balbuti al mi ke li havas mortantan filon.

Tiu kompatinda patro min trenadis, kaj mi lasis min konduki, ensorĉite de lia doloro. Cetere, ja mi estis titolita kuracisto, kaj mi ne povus do rifuzi! Kaj mi ekhavis tian deziregon komplezi al li, ke mi sentis en mia internaĵo ŝpruci ian grandan sciencon ...

Kiam ni atingis la domon de Melkioro, mi sukcesis liberiĝi disde liaj manoj kaj kun ŝajnigita aflikto konfesis ke mi scias malmulton pri mia kariero:

- Atentu ke jam de multaj jaroj mi ne vizitas malsanulojn ...

Kaj tiam Melkioro, streĉante siajn fortojn, diris al mi mallaŭte:

-Mia filo ne plu bezonas kuracistojn. Mi ja scias ke mia povruleto ne travivos la nokton. Kaj li foriras de mi, sinjoro; li foriras, kaj mi havas neniun portreton lian!

Aj, mi ne estis vokita kiel kuracisto, sed kiel portretisto, kaj tuj mi sentis amaran deziron ekridi. Por min liberigi de tia makabra okazo, mi diris al li ke foto pli taŭgus ol desegnaĵo, certigis ke oni povas foti nokte kaj, per metado de multaj rezonoj, mi sukcesis ke Melkioro disiĝu de mi por iri serĉi fotiston.

La afero estis solvita, kaj mi iris dormi kun mil implikitaj pensoj bolantaj en la kapo. Kiam mi jam ekkaptis la dormon, oni frapis mian pordon. Temis pri Melkioro:

- La fotistoj diras ke ili ne havas magnezion!

Kaj tion li diris tremante de angoro, kun pala vizaĝo kaj okuloj kvazaŭ du buloj el karno ruĝa pro tiom da plorado. Mi neniam vidis homon tiom disrompitan de doloro. Li petegis, petegis kaj prenis min je la manoj kaj trenis min, kaj la mizerulo eligadis dirojn kiuj distranĉis mian internaĵon:

- Kompatu, sinjoro. Du strekoj viaj sur paperon, kaj mi povos por ĉiam rigardi la vizaĝeton de mia infano. Ne lasu min en mallumo, sinjoro!

Kiu havus koron por rifuzi! Mi prenis krajonon kaj paperon, kaj tien mi iris kun Melkioro, konsentinte fari la portreton de la mortanta knabo. Ĉio estis kvieta kaj ĉio estis silenta. Laca lampo prilumis, flave, du hororajn vizaĝojn kiuj flaradis la morton. La infano estis la centro de tiu mizero de la materio. Nenion dirante, mi eksidis por desegni tion, kion vidis miaj okuloj el tera polvo kaj nur post kelka tempo sukcesis adaptiĝi al la dramo kiun mi ĉeestis, kaj eĉ iomete forgesi ĝin por povi fervore labori kiel artisto. Kaj kiam la desegnaĵo estis jam preta, la voĉo de Melkioro, pligrandigite de tiom da silento, vundis min per jenaj vortoj:

- Pro la animo de viaj mortintoj, ne tiel portretu lin al mi! Ne faru al li la vizaĝon tia, tiel kadavra kaj malĝoja!

Mi konfesas ke reveninte al la realo mi ne sciis kion fari kaj nur ekreviziis la jam faritajn liniojn de la portreto. La silento estis denove fendita de Melkioro:

- Vi bone scias kia estis mia knabeto. Memoru, sinjoro, kaj al mi desegnu lin ridanta.

Subite bonega ideo naskiĝis al mi. Mi ŝiris la desegnaĵon, koncentris la rigardon sur novan blankan paperon kaj desegnis imagan infanon. Mi elpensis tre, tre belan knabeton: ridetantan anĝelon de baroka retablo. Mi liveris la desegnaĵon kaj forkuris; kaj metante la piedon sur la straton mi aŭdis ke oni ploras en la domo. La morto estis veninta.

Nun Melkioro konsoladas sin rigar-

dante mian verkon, kiu pendas super lia komodo, kaj ĉiam diras kun la plej granda sincereco enmonda:

- Multajn filojn mi havis, sed la plej bela el ĉiuj estas tiu, kiu mortis al mi. Jen lia portreto, kaj ĝi ne mensogas.

( 1922 )

("La portreto" estas unu el la kvin aŭtobiografiaj notoj kiujn Castelao publikigis sub la titolo "Pecetoj". Ĝin tradukis el la galega lingvo Antono Alonso Nûñez kun helpo de Eduardo Padrão.)

* * * * * * * * * *

BIBLIOGRAFIAJ INDIKOJ


BEIRAS, Xosé Manuel: O atraso econômico de Galicia; Galaxia, Vigo, 1972.
CABANILLAS, Ramón: Cancioneiro popular galego; Galaxia, Vigo, 1973.
CARBALLO CALERO, Ricardo: Gramática elemental del gallego común; Galaxia, Vigo, 1974 (4-a eldono).
CARBALLO CALERO, Ricardo: Breviario antológico de la literatura gallega contemporánea; Real Academia Gallega, /Barcelona/ 1966.
CARRE ALVARELLOS, Leandro: El idioma gallego en la edad media; Real Academia Gallega, Vigo, 1973.
CASTRO DE MURGUIA, Rosalía: Cantares gallegos; Galaxia, 1970.
FERNANDEZ DEL RIEGO, Francisco: Un país e unha cultura - A idea de Galicia nos nosos escritores; Real Academia Gallega, Vigo, 1973.
FERNANDEZ DEL RIEGO, Francisco: Historia da literatura galega; Galaxia, Vigo, 1971 (2-a eldono).
FRANCO GRANDE, Xosé Luis: Diccionario galego-castelan; Galaxia, Vigo, 1972 (2-a eldono).
GARCIA, Constantino: Galego onte, galego hoxe; Secretariado de Publicacións da Universidade de Santiago, Santiago de Compostela, 1977.
GARCIA, Constantino: A lingua galega hoxe - A súa situación no ensino; en: "Grial", n-ro 44, aprilo - junio 1974, p. 148 - 156, Vigo.
INSTITUTO NACIONAL DE ESTADISTICA (del Ministerio de Economía): Anuario estadístico de España (Edición manual); Madrid, 1978.
LANDEIRA, Ricardo L.: La saudade en el renacimiento de la literatura gallega; Galaxia, Vigo, 1970.
OTERO PEDRAYO, Ramón (kaj aliaj): Homenaxe a Castelao; en: "Grial", n-ro 47, januaro - marto 1975, Vigo.
PONDAL, Eduardo: Queixumes dos pinos e outros poemas (Obra lírica completa); Castrelos, Vigo, 1972 (2-a eldono).
TABOADA CHIVITE, Xesús: Etnografía galega (Cultura espiritual); Galaxia, Vigo, 1972.
TAIBO GARCIA, Victoriano: Rosalía de Castro, precursora da fala; Real Academia Gallega, Vigo, 1972.
TAMAMES, Ramón: Introducción a la economía española; Alianza Editorial, Madrid, 1978 (12-a eldono).


* * * * * * * * * *

EKONOMIAJ CIRKONSTANCOJ (daŭrigo el paĝo 2)

En 1976, Galegio estis la hispana ĉampiono en maizo-produktado: 319.500 tunoj el 1.544.900 de tuta Hispanio. Tamen, la ĉiu-hektara rikoltaĵo estas sufiĉe mizera kompare al aliaj regionoj: Dum 1 galega hektaro produktas nur 1,8 tunojn, en Aragono (ĉefe Saragoso: 200.600 t) 1 hektaro donas 5,6 tunojn! Simile koncerne terpomojn: Galegio rikoltas 1.215.300 tunojn el 5.658.730 t de Hispanio, sed en la provinco Burgo oni bezonas nur iom pli ol la duonon de la tereno por produkti preskaŭ la saman kvanton. En Galegio oni kultivas vitojn kaj konatas la "Ribeiro"-vino el Orenso kaj Pontevedro. - Industrio ekstreme malabundas en la tuta regiono.

* * * * * * * * * *

# KONCIZE EL.....

UVIEU. Kiel ETNISMO jam raportis en n-ro 21, en Asturio okazas preparoj por fondi akademion pri la astura lingvo. Sed jam la unua kunsido, kiu devis trakti la antaŭprojekton ellaboritan de la Kultura Departamento de la provizora aŭtonomia aŭtoritato, fiaskis: El la 8 membroj de la preparkomitato ne ĉeestis la kunsidon 3, kaj 1 rifuzis subskribi la antaŭprojekton. La aliaj 4, el kiuj 3 estas membroj aŭ adeptoj de CONCEYU BABLE, konsentis pri la teksto kaj postulas ke la fondota akademio entreprenu, instigu kaj disvastigu la studadon de la astura lingvo en ĉiuj variaĵoj kaj ke ĝi evoluigu la asturan tiel ke tiu ĉi lingvo povu servi kiel plena esprimilo ĉiunivela. - Kiel informas CONCEYU BABLE, la reakciuloj jam malvolvas intensegan kampanjon kontraŭ la normaligo de la astura lingvo utiligante grandparte la publikajn komunikilojn.



conceyu BaBle

La adreso de la prezidanto de CONCEYU BABLE:

Xosé Lluís GARCIA ARIAS
C/ García Conde 11, 7 A
Uvieu / Oviedo (Asturies), Hispanio

Se vi volas subteni la klopodojn de CONCEYU BABLE favore al la potencigo de la astura lingvo, bonvolu laŭeble t u j skribi al la supre indikita adreso!

S'GRAVENVOEREN. De kiam antaŭ pli ol 15 jaroj la 6 municipetoj de la Fur-regiono estis disigitaj de la provinco Lieĝo kaj aligitaj al la provinco Limburgo, senĉese bruletas la fajro. Inter la proksimume 6.000 enloĝantoj ekzistas forta tendenco valonema kaj meze de septembro 1979 eksplodis la kvereloj: detruitaj montrofenestroj, ŝoseoj plenŝmiritaj de "Furoj valonaj" kaj svastikoj (direktitaj kontraŭ flandroj), interbataloj fizikaj kun pafoj kaj arestoj. Polico abundegas en tiu regioneto; restoracioj estas fermitaj de la 20-a ĝis la 8-a horo; estas malpermesitaj publikaj kunvenoj de pli ol 5 personoj.

En alia problemregiono de Belgio, en la Comines-municipoj de proksimume 50.000 enloĝantoj, sudokcidente de la flandra Kortrijk, samtempe reflamiĝis la fajro. Tiuj municipoj estis - kvazaŭ interŝanĝe - aligitaj al la franclingva provinco Henegovio, malgraŭ la ekzisto de pli-malpli forta flandra minoritato. Tiu ĉi etna grupo nun postulas flandralingvan lernejon, kaj "kompreneble" la valona etno ĝin neas. Manifestacioj substrekis ankaŭ ĉi tie la danĝeregan situacion.

PIZO. En aprilo 1979 aperis en "Edistudio" (c.p. 213, I-56100 Pisa) la muzika kasedo "Marĉela - Venos liber'", kiu prezentas 12 kantojn tradukitajn el la eŭskera (7), la kataluna (3) kaj la galega (2) kaj registritajn en la Internacia Lingvo. Akompanas la kasedon 24-paĝa kajereto kun la originalaj kaj tradukaj tekstoj kaj mallonga enkonduko ("Kvazaŭ necesus pravigo"). Kantas Marĉela Fasani, gitarludas Ĝanfranko Mole, violonas kaj mandolinas Paola Maola, flutas Karlo Maola, basgitaras Marjo Milan, kaj tradukis la tekstojn Renato Korseti. - La kasedo, kun la kajero, kostas 4.500,- lirojn.

MERAN. Responde al eksplodigo de itala monumento far sudtirolaj ekstremistoj, nun italaj simililoj detruis la Andreas-Hofer-monumenton en Merano. Ŝajnas ke italaj sudtirolanoj timas diskriminacion far germanlingvuloj kiuj baras la vojon al italoj en lernejoj kaj publikaj servoj.

Dirk Willkommen

# groenlanda aŭtonomio

La unuaj cent tagoj de la nova statuso de Groenlando (Kalaatdlit Nunaat,
t.e. "nia lando") jam pasis. La 1-an de majo 1979 la dana reĝino transdo-
nis la originalon de la leĝo pri propra administrado (dane:
hjemmestyre) en la ĉefurbo Nuuk (dane: Godthåb). La dana
ĉefministro Anker Jørgen- sen tre malfrue informis
pri sia neĉeesto kaj per tio treege surprizis
la groenlandanojn. Li devis feliĉigi siajn
samlandanojn en kel- kaj danaj urbetoj okaze
de la Laborista Tago. En groenlandaj ron-
doj oni supozas ke li ne ŝatis la venkon
de la Siumut- partio dum la balotoj
de la ĉi-jara aprilo.

2.175.600 km², el kiuj
nur proksimume 341.700
km² estas senglaciaj kaj
ties duono estas loĝata.

Siumut estis la ĉefportanto de la
politika batalo por memadministrado
en Groenlando. Ĝi dentogrince jesis
al la nova leĝo, ĉar oni taksis ĝin
la maksimumo de la akireblaĵoj sub la
nunaj kondiĉoj. Sed jam la unuaj eldi-
roj de gvidaj membroj tuŝis denove la de-
mandon de plena dis- pono pri la propra
grundo kaj ties eks- pluatado. La nova
leĝo donas veto-raj- ton al ambaŭ flan-
koj: al la danoj kaj al la groenlanda-
noj.



Jonathan Motzfeldt.

Ĉefo de la groenlan- da memadministrado
fariĝis la 40-jara pastro Jonathan
MOTZFELD. (Lia ger- mana familia nomo
eksplikendas per la viglaj aktivecoj de
"Herrenhuter"-misi- istoj dum pasintaj jar-
centoj en Groenlan- do.) "Ministro" responsa
pri lernejoj kaj kulturo fariĝis Tue Chris-
tiansen; la sociajn aferojn gvidas Moses Olsen.
Lars Emil Johansen, kiu verve batalis por la afe-
roj groenlandaj kiel groenlanda deputito en la
dana parlamento, transprenis la responson pri la
ekonomio, kaj la policisto Anders Andreassen respon-
sas pri la proble- moj de la foraj distriktoj kaj la
etaj lokoj.

En 1974 oni taksis
50.000 enloĝantojn,
inter kiuj estas
proksimume 8.000
eŭropanoj.

Nuuk

Iom paradoksan rezul- ton havis en Groen-
lando la elektoj por la Eŭropa Parlamen-
to: Elektiĝis Finn Lynge, la kandidato
de Siumut, kiu estas kontraŭ groenlanda
partopreno en la Eŭropa Komunumaro! Li re-
prezentas 53 % el la balo- tintoj, kiu amplek-
sis nur 33 % de la balot-rajtintoj. Spite al la nega-
tiva voĉdono de la granda plimulto de la groenlanda
popolo dum referendumo, tiu lando fariĝis membro de
la Eŭropa Komunumaro pro la tiama statuso de Groen-
lando kiel dana distrikto, kontraŭe al la Feroaj In-
suloj, kiuj same kontraŭvoĉdonis kaj restis ekstere
pro sia jam delonge atingita aŭtonomeco!



Lars Emil Johansen.

(Kp. la artikolojn pri Groenlando en la numeroj 14,
16 kaj 18 de ETNISMO.)

* * * * * * * * * * *

# SVISLANDO – ĈU SEN LINGVO-PROBLEMO?




Arthur Baur en "La fenomeno Svislando": "La sekreto de la lingva paco ĉe ni konsistas en tio, ke la plimulto cedas al la malplimulto pli da rajtoj ol ĝi aritmetike devus." Tio pli-malpli spegulas la i d e o n kiun havas ankaŭ la eksterlandanoj pri la etna paradizo Svislando. Sed evidente, la svisa realo estas sufiĉe alia! Jam la akregaj kvereloj kaj manifestacioj favore al fondo de nova kantono Juraso (disiĝo de la franclingva parto de la germanlingva kantono Berno) indikis ke tute ne regas tia paco. Nun laŭtiĝas pliaj voĉoj: Laŭ la taggazeto "FAN L'Express" de Neuchâtel de 27.07.1979, tuta aro da tutŝtataj funkciuloj leviĝas kontraŭ "la germana lingva imperiismo". 95 % de la federaciaj tekstoj estas redaktataj en la germana. Kiam parlamentano parolas romanĉe, neniu tradukisto laboras kaj la parolanto resumas siajn eldirojn en la ... germana. La itallingva prezidanto de la senato, Luigi Generali, utiligas sian propran lingvon nur por "gravaj deklaroj", kutime li parolas en la ... germana.

Sub la titolo "Den Ersten August" /la unuan de aŭgusto/ la gazeto "Tribune Le Matin" de Lausanne (franclingva Svislando) la 1-an de aŭgusto 1979 (kiu estas la svisa nacia festotago) publicis artikoleton de Max Syfrig jen parte reproduktatan en traduko de Jean-Jacques Lavanchy:

" ... En Berno, komence de nia jarcento, la nomoj de la stratoj ankoraŭ figuriĝis sur la indikiloj franclingve kaj germanlingve (Junkergasse = Rue des Gentilshommes /= strato de la nobeloj/), lasta konkreta spuro de iu historia rolo jam delonge forlasita: utili kiel perilo kaj ligilo inter la german- kaj la franclingva partoj de la Konfederacio. La ligilo estas rompita ... Same kiel la itallingva Svislando, la franclingva Svislando malplimulta fariĝas pli soleca. Sen kolektive konscii tion, ĝi estas, kiel neniam antaŭe, malfermata al malrapida kaj iom-post-ioma, ofte nevola superregado de la potenca germanlingva Svislando.

La alia anekdoto estas multe pli freŝdata. Iu germano, kiu akiris la civitanecon en Tiĉino, estis elektita kiel municipa parlamentano. Ne necesas longe precizigi ke li estis antaŭe lerninta la italan lingvon, la kutimojn de la lando, la svisan historion kaj nociojn de konstitucia juro; resume, li estis doninta la pruvon de sia perfekta grado de asimiliĝo. Kiam, por la unua fojo, li kunsidis en la municipa parlamento, li estis ege mirigita malkovrante la fakton ke la diskutoj estas farataj germanlingve!

Tio demonstras: 1) la senkonsideron koncerne la italan lingvon flanke de multaj germanlingvaj svisoj, kiuj loĝas en Tiĉino; 2) la malfortecon de la rezisto de la tiĉinanoj kontraŭ la ekonomia kaj financa potenco de la enmigrantoj de trans Gotardo-monto. ..."

Laŭ la popolnombrado de 1970 en Svislando vivis 4.071.289 germanlingvaj (64,4 %), 1.134.010 franclingvaj (18,1 %), 743.760 itallingvaj (11,9 %) kaj 50.339 romanĉlingvaj (0,8 %) civitanoj.

* * * * * * * * * * * * *

RAPORTO DE MEMVIDINTO

RICHARD ARENS

# AĈEOJ

## MORTIGEJOJ EN PARAGVAJO

(Daŭrigo el n-ro 21)

Enirinte la misiejon mem, mi ekflaris la saman odoraĉon de ekskremento kiel en la "Colonia Nacional". Tie ĉi, tamen, ĝi estis eĉ pli penetra. La indiana kolonio de la misiejo estis elstare dividita per barilo kiu apartigis la "kristanojn" de la "paganoj". Dum la domaĉoj de la indianoj estis esence nedistingeblaj ambaŭflanke de la barilo, la "kristana" areo ja havis tegmentitan kromdometon, kaj en la "pagana" areo mankis ĉiuj sanitaraj eblecoj. La kadukaj domoj, nekapablaj protekti kontraŭ la elementoj, estis ankaŭ ĉi tie la elstara karakterizilo de indiana vivmaniero. La interno de la indianaj domaĉoj estis, simile al la "Colonia Nacional", sen litoj, sed enhavis karbigitajn ŝtipojn kaj rustiĝintajn kuirpotojn. Gemaljunuloj, kelkaj mortantaj, kaŭris aŭ kuŝis en la rubaĵo. Mi demandis virinon unu-okulan, kiamaniere okazis la difekto. Ŝi eklevis la ŝultrojn kaj diris ke estis akcidento. Kiam mi demandis, ĉu ŝi petis medicinan prizorgon, ŝi gestis malestime kaj diris ke ŝi ne havis la monon kaj ke medicina atento kostas. Alia virino, evidente en doloro kaj kuŝanta surtere en domaĉo, kiam mi demandis, kial ŝi ne petas medicinan atenton, respondis ke ĝi ne estas havebla.

La viroj en tiu ĉi misiejo gajnis la vivrimedojn kiel simplaj laboristoj dum 12-hora tago en la tanino-fabrikejo. Evidente malgrasegaj kaj rezignintaj ili penegis pro sakoj de produktaĵoj surdorse.

Kiam indiano supozis ke neniu rigardas, li kelkafoje montris sian dorson al vizitanto por malkovri la defrotiĝojn kaj ulceretojn kaŭzitajn de la ŝarĝoj, kiujn li portis tagon post tago en la fabrikejo. Ulceriĝintaj vundoj ricevis nenian atenton.

Fabrikejaj salajroj por indianoj ne estis facile troveblaj, kvankam estis klare, pro la ĝenerala nivelo de malsufiĉa nutrado, ke ili estis malsufiĉaj por modera ekzisto-nivelo. Okaze "salajroj" estis anstataŭigitaj per aĉa viskio. Multajn indianojn mi vidis ebriaj aŭ komataj sur la tero. Unu indiano, kun okuloj glazuritaj pro alkoholo, preterpasis nian grupon. Lia paŝmaniero estis firma kaj lia parolmaniero nur iom riproĉinda. Li diris ke li estas feliĉa. La alkoholaĵo forviŝis ĉiun rememoron pri lia suferado, kaj tamen li ankoraŭ povis ĝui la sunon kaj la arbojn. Kelkajn minutojn poste li kolapsis suteren.

Dum nia vizito ĉe "Puerto Casado" indiano mortis proksime al mi. Kiam mi demandis, ĉu oni faros postmortan esploradon por trovi la kaŭzon de lia morto, oni diris al mi ke indianoj ne rajtas pri postmortaj esploradoj. Krome, diris la oficialuloj, la multeco de indianaj mortoj dum laboro malpermesus finance kaj praktike normalajn postmortajn esploradojn.

La politika kaj religia pureco de la indianoj estas direktata de la monaĥinoj. Ili sekvis min por subaŭdi ĉiun konversacion kiun mi havis kun indiano, "kristano" aŭ "pagano". Mian demandon, ĉu la eklezio prizorgas tiajn aferojn kiel indianan sanon, monaĥino respondis: La plimulto de la indianoj ne povus pagi ĝin, sed "gravaj" urĝaĵoj estas senkostaj al la paciento. Mia impreso estas ke la monaĥinoj estas la kunigaj personoj inter la pastro, la industrio kaj la polico.

La rezervejon direktis pastro de la Saliciano-Fratularo. Li alparolis kelkajn siajn paroĥanojn en mia ĉeesto jene: "Saluton, vi maljuna mensoganto", aŭ: "Stultulo, vi ricevos alian averton de mi." Ekzistis vasta pretendo ke li raportis ke estas komunistoj tiuj paroĥanoj kiuj ŝajnis fari ĝenon al

la fabrikejo. Tio kio ŝajnis esti nedisputebla, estis ke tiu ĉi misiejo - malobee al la kutimo de la katolika eklezio en Paragvajo - malpermesis indianajn kantojn kaj dancojn kaj ne toleris indianajn religiajn ceremoniojn, eĉ ne por la "paganoj" apartigitaj malantaŭ koncentreja barilo.

Mi diris al la pastro ke ŝokis min la sanitaraj kaj san-kondiĉaj instalaĵoj de la misiejo - ambaŭflanke de la barilo! - kaj terurigis min la kutimo disdoni medikamento, eĉ kontraŭ serpentomordo, nur surbaze de monpago. La pastro diris ke vivi estas malfacile kaj medicino altpreza kaj ke oni devas esti pacienca. En mia sola ekkolero en Paragvajo mi respondis ke la vivo estas sankta kaj ke pacienci pri vivdetruaj kondiĉoj estas ne tolerebla! La pastro kapjesis kaj diris ke la tuta afero estas tre malĝojiga. Li estis kurbiĝinta kaj aspektis pli aĝa ol li vere estis. Kelkaj loĝantoj de la misiejo diris ke li malsanas, kaj kelkaj ke li drinkas tro multe. Li marŝis malfacile al sia loĝejo, ŝajne rezigna pri realecoj trans lia forto.

Estis kloako meze de la rezervejo en la "pagana" parto. Ĝin flankis kvar domaĉoj konstruitaj parte el aluminio kaj ŝtipoj, kaj kun pecoj de kartono, ĵurnaloj kaj ĉifonoj por ŝtopi la pli grandajn breĉojn. Foto kiun mi havas montras tiun ĉi lokon kun la aldono de artritoplena virino kiu provis pretigi manĝaĵon ekstere. Ŝi sidis ekster sia domaĉo, proksime al arbo kaj kelkaj branĉoj kiuj falis en la kloakon. Vulturo sidis sur unu el la branĉoj fronte al la virino, la domaĉo kaj ties enloĝantoj.

La 26-an de aŭgusto ni alvenis per armea aviadilo en Faro Moro en la Ĉako. Ni veturis laŭ malbone aranĝita flughaveno, kiu unuavide aspektis kiel sovaĝejo. Preskaŭ tuj ĉe nia alveno, nia armea flugmaŝino estis ĉirkaŭita de proksimume 1oo indianoj. Ili estis ajoreoj. Ili tuŝis la flugmaŝinon kaj alkroĉiĝis al ĝi ĝis fine ili turnis sin al la nekonatoj kiuj elvenis. Ĉiu indiano havis ion por rakonti. Mi ne povis fari tujan kontakton kun indiano, ĉar mi estis portempe apartigita de la ajoreo-interpretisto, kiun ni kondukis kun ni el la apuda kolonio Filadelfia.

Dume, mi parolis kun la misiejestro de tiu ĉi rezervejo kiu troviĝas ankaŭ sub la aŭtoritato de la Novaj-Triboj-Misiejo. La estro informis min ke li havas ĉirkaŭ 2oo ajoreo-indianojn, ke ilia manĝaĵo estas sufiĉa kaj ke ne ekzistas sanecoproblemoj inter ili. Li konsideris 9o % el la indianoj kiel kristanojn. Demandite, ĉu la indianoj havas liberan religian kaj kulturan esprimadon, li jesis, tamen aldonante: "Sed ni malpermesas nemoralajn kaj malbonajn kantojn."

Ĉie mi trovis la tro multe okupitajn kiajn ajn domaĉojn, larĝe malfermitajn al la elementoj kaj malordaj pro karbigitaj lignaĵoj kaj forĵetitaĵoj, kaj jes ja, okaza serpento. Nenie estis sanitaraj instalaĵoj por indianoj kaj flariĝis ekskrementoj tiel pike ke la odoraĉo superis eĉ tiun de la Pastro-Livio-Farina-Misiejo.

Ŝajnis esti stranga foresto de junuloj: Malpli ol manpleno estis videbla.

Reirinte al nia ajoreo-interpretisto, mi estis en rekta kaj amika kontakto kun la indianoj por la cetero de nia vizito, kaj ilia rakonto estis la plej negativa el ĉiuj kiujn ni aŭdis. Ili diris ke ili havas nesufiĉan kaj nemanĝeblan nutraĵon, neniun kuraciston kaj neniajn medikamentojn. Ili frontis senĉesan kaj malnobligan intermeton koncerne siajn kutimojn. Indiano informis min ke unu indiano mortis antaŭ nia alveno, alia kelkajn semajnojn antaŭe. Ambaŭ - oni diris - restis dum semajnoj sen medicina prizorgado. Mi rigardis unu el la domaĉoj kaj vidis altaĵeton el tero antaŭ nelonge ŝovelitan. Oni diris al mi ke tio ĉi estas la tombo de viro enterigita antaŭ kelkaj semajnoj. Ĉu estis pli pri kiuj mi ne sciis? La interpretisto komunikis mian demandon kaj atendis. Trafis min silento kvazaŭ nelaŭtigita timo transiĝus al ĉiuj ĉeestantoj: La rezervejestro, kiu estis for komence de la intervjuo, ekaperis inter la kuniĝintaj indianoj kaj ĉi ties intervjuistoj. (El: AKWESASNE NOTES, printempo 1978, tradukis: Roan U. Orloff-Stone; daŭrigota en ETNISMO 23.)

# PRI BUĜETO KAJ .....




Okaze de la 64-a UK estis kunvokita ankaŭ la unua laŭstatuta membrokunveno de la INTERNACIA KOMITATO POR ETNAJ LIBERECOJ en Lucerno. La 30-an de julio 1979 kolektiĝis 14 membroj kaj pli ol 30 gastoj en la salono "Privat" por debati kaj decidi pri la mallonga pasinteco de IKEL kaj precipe pri la estontaj aktivecoj. La estraro raportis pri la partopreno de IKEL en la "Kontraŭ-Imperiismaj Tagoj" en Sabadell (Katalunio), pri varbado de membroj, pri kontaktoj prenitaj kun la ambasadoj de Sovetunio, Irano, Sirio, Irako kaj Turkio en Bono kaj Berno koncerne la temon de la lucerna fak-kunveno (vidu ĉi-sube), pri la publikigo de du broŝuretoj ("Lingvoj en Eŭropo" kaj "Kurdoj, armenoj kaj aliaj etnoj inter la Kaspia, Nigra kaj Mediteranea maroj") kaj pri la ekuzo de ETNISMO kiel komunikilo de IKEL.

La membrokunveno akceptis la estrarajn buĝetoproponojn koncerne 1979 kaj 1980: (La sumoj estas indikitaj en PESETOJ, ĉar la kaso estas administrata en Hispanio.)

| | 1979 | 1980 |
|---|---|---|
| 1. produkto kaj dissendo de broŝuroj | 4.500,- | 5.000,- |
| 2. aliaj afrankoj | 1.000,- | 1.500,- |
| 3. anoncoj | 5.000,- | 4.000,- |
| 4. agado en etnaj regionoj | 5.500,- | 10.000,- |
| 5. lu-pago por salonoj en Lucerno | 4.000,- | --,- |
| 6. lu-pagoj k.s. en Brest | --,- | 4.000,- |
| 7. rezervo | 2.000,- | 3.000,- |
| sumoj | 22.000,- | 27.500,- |
| Supozataj membrokotizoj (40 resp. 60 membroj) | 17.000,- | 27.000,- |
| Bonhavo el 1978 respektive 1979 | 5.312,- | 2.312,- |

Same estis akceptita la propono farita de la estraro ke IKEL dum la sekvantaj 12 monatoj koncentru sian agadon al la problemaro de BRETONIO. Tiucele estu eldonita aparta broŝureto pri tiu regiono, en kiu okazu la kunveno de somero 1980. Krome, IKEL produktos 1.000 ekzemplerojn de la jam menciita broŝureto "Lingvoj en Eŭropo".

Fine, la membrokunveno elektis jenan estraron:

Prezidanto: Uwe Joachim Moritz (platdiĉo el FRG)

Vicprezidantoj: Llibert Puig i Gandia (kataluno el Hispanio) kaj
Renato Corsetti (italo el Italio)

Sekretario: Francesc Ibañez i Garcia (kataluno el Hispanio)

Kasisto: Llorenç Martí i Nanclares (kataluno el Hispanio)

La estraro estis komisiita esplori la eblecojn de membriĝo de IKEL en UEA kaj en AIDMLK.

# ..... PALESTINO

Supozeble unu el la malmultegaj kunvenoj dumkongresaj, en kiuj oni NE remaĉadis la glorigon de la Internacia Lingvo, sed simple uzis tiun ĉi esprimilon por trakti gravan problemaron, estis la publika diskutkunveno aranĝita de IKEL la 2-an de aŭgusto 1979 pri la temo "Kurdoj, armenoj kaj aliaj etnoj inter la Kaspia, Nigra kaj Mediteranea maroj". Ĉeestis proksimume 70 personoj el minimume 22 etnoj (armena, bulgara, ĉeĥa, dana, flandra, franca, frisa, germana, israela, itala, jida, kataluna, kroata, madjara, nederlanda, platdiĉa, portugala, slovena, suoma, sveda, usona kaj vaska).

Renato Corsetti, vicprezidanto nova de IKEL, 40-minute enkondukis menciante la evoluon de la nocio "nacio" en la maŝrekaj landoj, kie antaŭe gravis precipe la disdivido laŭ religioj. En la centro de la referaĵo estis, evidente, la kurda luktado akre reaktualiĝinta pro la subremado far la Ĥomejni-reĝimo kontraŭ tiu kaj aliaj iranaj etnoj. (ETNISMO iuforme aperigos la Corsetti-referaĵon.) - Kompletigajn informojn donis profesoroj Sevak (Armenio) kaj Kohen-Cedek (Israelo) kune kun sialandaj kolegoj. La posta diskuto estis sufiĉe vigla, kvankam - pro la manko de tempo - ne tiom profunda kaj detaliga kiom oni dezirus. Unu el la verve aliritaj problemoj - geografie jam iomete ekster la kadro - estis la rajto de la palestinanoj pri propra ŝtato kiel esprimilo de sia politika volo etna. Plurfoje oni revenis al la ciriligo de la plej multaj alfabetoj en Sovetunio. La demandon pri la rajtoj de latvo en Armenio kaj armeno en Latvio ne plu eblis respondi ...



Jen anoj de la Revoluciaj Gvardioj de Ĥomejni estas pafontaj kurdojn en Paveo, fine de aŭgusto 1979: unu el la multaj kazoj registritaj depost la ekrego de la nova diktatoro.

La irana ambasado skribis al IKEL ankoraŭ la 9-an de julio 1979 ke la etnaj, lingvaj grupoj inter la Kaspia, Nigra kaj Mediteranea maroj trovigas ekster la limoj de Irano. Tiel oni "respondis" nian specialan demandon pri kurdoj kaj araboj en Irano, dum la Ĥomejni-milicanoj murdis CENTOJN da kurdoj!

Bedaŭrinde ne sekvis la IKEL-inviton la ambasadoj de la koncernataj ŝtatoj: Sovetunio, Irako, Irano, Sirio kaj Turkio.

---


**Etnismo** *Informilo pri etnaj problemoj*

Eldonas kaj redaktas: Uwe Joachim MORITZ, Feldstr. 38, D-5190 STOLBERG (FRG), tel.: (49-2402) 72336, poŝtĝirkonto: 232612-306 Hannover.

ETNISMO aperas 3 fojojn jare. Tiu ĉi estas la dua numero de 1979.

Jarabono (kalendara jaro): 8,-- gm (aŭ 10 internaciaj respondkuponoj). Nepre NE sendu ĉekojn sen antaŭa interkonsento! Evitu BANKAJN ĝirojn el eksterlando. Kaze de ĉeko aŭ internacia banka ĝiro mia banko kutime subtrahas siajn kostojn el la ĝiraĵo/ĉeksumo, kaj ETNISMO ..... perdas!